Año X (N.° 112)




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 6

NOVIEMBRE DICIEMBRE 1958

PELAYO, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

## MORTIS LA PAPO PIO XIIª!

Matene, en la 9ª de pasinta Oktobro, forlasis la surteran vivon la Papo Pio XIIª, amata Estro de la Katolika Eklezio, kiu prave meritis la nomon Pontifiko de la Paco, pro lia tiucele senhalta agado, en kiu ne mankis pluraj deklaroj favoraj al Esperanto kaj benoj al kelkaj kongresoj niaj, naciaj kaj internaciaj.

Hispana Esperanto-Federacio prezentis al la Ekleziaj instancoj sian profundan kondolencon, je nomo de la hispana esperantistaro, per jena telegramo:

**Federación Española de Esperanto, profundamente apenada por fallecimiento Santo Padre, comunica sentido pésame.**

**Dr. Rafael Herrero,** presidente.

Al la nova Vikario de Kristo, Papo Johano XXIIIª, ni esprimas plej humile kaj tre fidele la ateston de nia plena respekto, kun la puranima espero meriti ankaŭ Lian simpation al nia honesta kaj boncela laboro por ebligi iom pli da komprenemo kaj konkordo inter diverslingvaj homoj, pere de Esperanto.

## DIEZ AÑOS DE "BOLETIN"

Al cumplirse la primera decada de la aparición de nuestro Boletín, estamos seguros de que todos los esperantistas españoles sentirán la íntima satisfacción que todo padre experimenta, cuando contempla el logrado crecimiento de un hijo.

Porque la verdad es esa: Todos, desde los que han prestigiado sus páginas con su escogida literatura, hasta los más modestos, que en éllas han vertido sus dudas o sus balbuceos en el idioma auxiliar, todos han contribuido a que nuestro Boletín sea el alma del esperantismo español y, al propio tiempo, su fluido nutricio, sin el que áquel acabaría llevando, por rutinario desgaste, una vida esclerosada y mortecina.

Páginas doctrinales, noticias de nuestro movimiento, inmarcesibles reseñas de nuestros congresos, controversias, concursos... Todo ello evoca el pasar de nuestros años, pero también el afianzamiento de este Boletín, que nació como una quijotada pero que permanece en la brecha con una persistencia muy propia de nosotros y digna de la empresa que defiende.

Por eso, su redactor Luis Hernández, y también Juan Bosch -que dignamente le sustituyó durante tres años- merecen que, en este décimo aniversario, se les manifieste el público agradecimiento de todos los esperantistas españoles. Y la mejor mejor manera de patentizar este sentimiento consiste en proseguir apoyando al Boletín, en su adolescencia, como se ha hecho durante su infancia, para que siga siendo, sin perder brillantez e importancia, entre las demás publicaciones hermanas, el más sincero y fiel exponente del espérantismo español.

Dr. RAFAEL HERRERO

## ANTAŬ LA PROKSIMECO DE LA TAGO DE D-RO ZAMENHOF

La 15.ª de Decembro, nia tradicia dato, devas esti nunjare kvazaŭ jam la unua arango, kiu solene inaŭguros -iom anticipe- la jubilean jaron, en kiu la glora kreinto de Esperanto, se li ankoraŭ vivus, estus atinginta la 100-jaran aĝon. Akorde kun tio, la diversaj grupoj de la hispana esperantistaro profitos la proksiman daton por studi kaj prepari, fronte al la nova jaro, adekvatan programon en siaj respektivaj urboj, kie malkovro de tabulo por strato, kun la nomo de D-ro Zamenhof, estus -se tion oni atingus- kulmino de la tuta jubileo, krom vere populara omaĝo, ekster niaj vicoj, al nia kara Majstro.

## LITERATURA PREMIO «COMELLA-BASSOLS»

Nia kara samideano J. Comella el Vich, por stimuli la verkemon de ĉiuj esperantistoj, malavare disponigas la sumon de 2.000 (dumil) pesetoj, kiel premion al

**Gaja Rakonto en Esperanto**

Kondiĉoj sekvas:

1.—La konkursaĵoj estu en longo de 2.000 - 3.000 vortoj. Ili ne estu antaŭe aperintaj en presformo. La kopirajto de ĉiu konkursa verko, inkluzive de la premiita, restos ĉe la aŭtoro.

2.—La konkursaĵoj estu, laŭeble, maŝinskribitaj. Oni sendu kvar ekzemplerojn de ĉiu rakonto, per kiu oni konkuras. Oni skribu sur ĉiu manuskripto pseŭdonimon, kiu efike kaŝos la identecon, kaj skribu la saman pseŭdonimon sur apartan slipon, kune kun sia nomo kaj adreso. Oni fermu la slipon en koverto kaj skribu la pseŭdonimon sur la koverto, kiun oni malfermos post la juĝo.

3.—La konkursa kotizo, por kovri elspezojn de la korespondado, estas jena: el landoj, de kie oni rajtas sendi respondkuponojn, tri respondkuponoj (maldekstre stampitaj) aŭ malpli, laŭ enlanda permeso. Por landoj, kie estas malpermesita tiu sendo, la partopreno estas senpaga.

Hispanoj sendu dek pesetojn.

4.—Oni sendu ĉion al la sekretario de la konkurso, S-ro F. Vilá, Estoril, n.° 9, Barcelona. La limdato por la ricevo de konkursaĵoj estas la 28ª de Februaro 1959.

La konkursaĵojn juĝos internacia komisiono, en kiu (laŭ peto de S-ro Comella) partoprenos katalunaj membroj, apud reprezentantoj de U. E. A.

## GEONKLOJ ESPERANTISTAJ

Sub la aŭspicio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (I. L. E. I.) stariĝis projekto por kuraĝigi kaj helpi junajn gelernantojn de Esperanto.

S-ro J. H. Sullivan; 3, Berwick Avenue, Urmston, Manchester (Anglujo) akceptis la administradon.

La devoj de la «geonkloj» estas jenaj:

a) Korespondi kun la geknaboj kaj rekte amikiĝi kun ili;

b) Gvidi ilin lingve, korektante iliajn erarojn laŭbezone;

c) Teni ilian intereson pri Esperanto kaj «eduki» ilin pri la Esperanta Komuneco;

d) Memori Kristnaskon kaj (aŭ) la naskiĝtagon, sendante taŭgan donaceton je tiu okazo.

**INVITO AL ĈIUJ GESAMIDEANOJ**

1) AL PLENAĜULOJ

a) Proponu vin kiel onkl(in)on, sendante vian nomon kaj adreson al S-ro Sullivan. Diru kiom da genevoj vi volas akcepti;

b) Se vi estas patr(in)o aŭ instruist(in)o, instigu viajn infanojn skribi kaj peti onkl(in)on.

2) AL GEKNABOJ

Skribu letereton al S-ro Sullivan, kun, se eble, respondkupono, kaj petu onkl(in)on. Diru vian aĝon.

3) AL ĈIUJ

kiuj subtenas la ideon de la skemo: Via financa subteno multe helpos.

Dankon!

**La Hispana ILEI-Reprezentanto,**
**E. CALVET** (Tarragona)

---

## ● ORA JUBILEO DE LA GRUPO «FRATECO» DE ZARAGOZO ●

Jam kvindek jarojn funkciis ĉi tiu modela grupo, disvastigante, kune kun Esperanto, la superajn idealojn de tutmonda interhoma frateco. Tiel noblaj aspiroj kulminis en la grandioza tasko organizi en nia lando la engastigadon de aŭstriaj infanoj, tuj post finiĝo de la unua mondmilito. Tiu bonfara entrepreno, kiu mirinde perfekte funkciis, estis plej renome konata kaj tre multe laŭdata, eĉ ekster niaj vicoj. Animo de la organizo estis la karmemora pioniro —vera apostolo de l' esperantismo— S-ro Emilio Gastón Ugarte.

Kiel enkonduko por la ora jubileo, kies ĉefaj aranĝoj okazos meze de Decembro, la zaragoza samideanaro kunvenis, por komune vespermanĝi en grava restoracio, sabate, la 25an de Oktobro, sub prezido de S-ro J. Orós, kiu sidis inter S-ro M. Sancho Izquierdo, eksrektoro de la Universitato, kaj P. Marqueta, prezidanto de la Grupo.

Ĉeestis simpatia svisa delegitaro, kiu aŭdigis per sonbendo salutojn de svisaj esperantistoj. S-ro Walter Sonderegger, prezidanto de la Grupo de Zürich, esprimis sian ĝojon povi rekte alparoli la zaragozajn geamikojn okaze de ilia jubileo. La vespermanĝon kompletigis koncerto de svisa muziko kaj vigla prezentado de «Jota», la tipa aragona danco.

Oni legis, cetere, salutojn de konataj samideanoj, landaj kaj eksterlandaj, kiuj tiel volis partopreni en la festo, omaĝe al la memoro de la fervoruloj el la unua promocio.

**Pastro Modesto Carolfi**
**S-ro Ken Lawrence**

**En Bologna kaj en Birmingham, respektive, forpasis tiuj du bonaj amikoj, fervoraj samideanoj kaj sinceraj idealistoj, kies vivo estis ekzemplo de abnegacio kaj sindonemo.**

Pastro Modesto Carolfi, krom virta sacerdoto, estis aktiva esperantisto en la katolikaj medioj. La preĝoj, kiujn li tradukis, restos kiel daŭra surtera memoraĵo lia, kaj ankaŭ kiel modeloj de beleco kaj perfekteco, eligantaj la delikatan ĉarmon de tiuj modestaj floretoj, kiujn tiel puranime ŝatis Sankta Francisko de Assisi, al kies Ordeno apartenis nia kara pioniro.

S-ro Ken Lawrence estis alia ekzemplo de utila modesteco. Kvankam ege kompetenta samideano, li anonime postenis, dum pluraj jaroj, kiel peranto por la Belartaj Konkursoj de U. E. A. kies gravajn sed senbrilajn taskojn li prizorgis ĉiam akurate, ĉiam precize kaj metode, ĉar, se indiferenta homo antaŭ la famo, pasie li estis fidela amiko de la ordo.

*Pian memoron al ili ambaŭ!*

**Luis Hernandez**

**ESPERANTO GAJNIS UNUAN PREMION**

La kolekto de Esperantaj poŝt-stampoj, kiun prezentis nia S-ano Evaristo Gil, el inter 35 partoprenantoj, gajnis la unuan premion en Filatela Ekspozicio, aranĝita okaze de la ĉefaj festoj de Gracia, la konata Barcelona kvartalo. La urba gazetaro tre laŭde raportis kaj emfazis la grandajn rimedojn, kiujn Esperanto ebligas al la filatelistoj de la tuta mondo.

Koran gratulon, do, al S-ro Evaristo Gil.



## TOKSIGOJ OKAZIGITAJ DE KUIRITAJ TERPOMOJ

Tre ofte, precipe somere, oni legas en la ĉiutaga gazetaro, ke nutraĵoj devenintaj de bestviando, lakto kaj fiŝoj kaŭzis toksigojn, kiuj multfoje eĉ mortigis plurajn kunmanĝintojn. Sed, ĝis nun, oni ne konsideris la terpomojn, kiel kaŭzon de tiaj malagrablaĵoj. Tamen, jam en la jaro 1955ª, britaj aŭtoroj diskonigis kazojn de toksigo kaŭzitajn de stafilokoka toksino, pro manĝado de rekuiritaj terpomoj.

La samaj aŭtoroj ĵus publikigis kazojn de stafilokoka toksigo pro manĝo de refritaj terpomoj. Mi nur celas atentigi pri la fakto, ke nutraĵo tiel komuna kaj bongusta, konsumita de plej granda parto de la homaro, povas esti respondeca de toksigo, precipe kiam oni kuiras aŭ fritas ĝin, komplete aŭ ne, kaj ne tuj oni ĝin konsumas. Faritaj eksperimentoj klare pruvas, ke terpomoj kuiritaj aŭ frititaj konsistigas bonan grundon por pluraj mikroboj, precipe stafilokokoj, kiuj eksterordinare sin reproduktas dum kelkaj horoj. La rekuirado, certe, detruas la mikrobojn, sed ne la toksinon de ili produktita.

La simptomoj montritaj de la trafitaj personoj, krom vomoj, kiuj foje evitas la toksigon, estas akuta diareo --eĉ jam duonhoron post la manĝado-- kaj intensaj abdomenaj doloroj. Detala ekzamenado de la vomitaĵoj kaj fekaĵoj montris, ke ili enhavas multenombrajn stafilokokojn.

Oni devas aldoni, ke, plurfoje, en eksperimentaj laboratorioj, oni uzas terpomojn por kultivi mikroorganismojn.

**D-ro E. TUDELA FLORES**

## AL KARAJ HISPANAJ GEAMIKOJ

Dudek monatojn daŭris nia mondvojaĝo. Dum nia foresto, kolektiĝis en nia hejmo amaso da leteroj kaj dokumentoj, krom urĝaj taskoj, kiuj ne permesis prokraston. Fakte, kiam ni atingis Nov-Zelandon, ankoraŭ ne finiĝis la veturado, ĉar ni devis viziti diversajn urbojn en la Norda kaj Suda Insuloj por helpi aranĝi la detalojn de la 23ª Esperanto-Kongreso en Auckland, 710 kilometrojn norde de Wellington. Mi tuj reprenis la redaktadon de «New Zealand Esperantist», oficiala organo de nia landa asocio. Pro tio, tute ne estis eble verki artikolojn, por la esperanta gazetaro, aŭ respondi al leteroj.

Mi esperas, ke la hispanaj geamikoj pardonos mian longan silenton, sed la cirkonstancoj estis vere esceptaj kaj neeviteblaj. Neniam mi povos forgesi vin kaj vian afablan akcepton kaj gastamon. Ankoraŭfoje, ni volas danki ĉiujn, kiuj helpis sukcesigi mian prelegvojaĝon.

Post reveno al Nov-Zelando, komenciĝis vigla periodo. Mi faris paroladojn en diversaj urboj, neniam forgesante mencii vian mirindan gastamon. Vere, ĉiam kaj ĉie, en via bela lando, ni sentis nin hejme. Ho, kiel agrablajn rememorojn ni havas... Dankon, dankon! Via ĝentila samideaneco stimulas nin daŭrigi, en ĉi tiu antipoda lando, la laboron por nia kara idealo. Korajn salutojn de mia edzino kaj de mi mem

**BERTRAM POTTS**




# TRA EÚROPO KU

**La «Ekspo», grava evento.**

Por ni, esperantistoj, organizi vojaĝon estas facila afero, laŭ teknika vidpunkto. Kune kun mia edzino, mi intencis viziti la Bruselan Mondekspozicion kaj samtempe profiti la okazon por iomete koni Nederlandon kaj Germanujon. Pere de la Jarlibro de U. E. A. kaj dank' al la bonvolemo de la koncernaj delegitoj kaj fakdelegitoj en la vizitotaj urboj, ni starigis vojaĝplanon, kies ĉefa enhavo estis la mendo de dormoĉambroj, la horaro de la respektivaj vagonaroj, la ricevado de turismaj broŝuroj --kun la plej interesaj vidindaĵoj-- kaj la koncerna kurzmono en ĉiu lando.

Sunan septembran posttagmezon, ni forlasis Barcelonon por rekte atingi Parizon. Ni jam konis la Lumurbon; pro tio la revizito estis duoble interesa. Por persone danki S-ron Poly --loka fakdelegito pri fervojaj aferoj-- ni vizitis lin; tre ĝentile li akompanis nin ĝis la Norda stacidomo, kie ni eniris en la vagonaron; post trihora veturado, ni atingis la belgan ĉefurbon. Preskaŭ unu semajnon ni restis en Bruselo, kie ni admiris la Universalan Ekspozicion, vizitinda kaj grandioza demostracio de la homaj teknikaj atingoj. Antaŭ tiom da mirindaĵoj, ofte venis al nia penso la ideo, ke se povus regi inter la diversaj nacioj vera paco kaj ĉie oni povus forlasi la militajn preparojn, la homaro povus ĝui pli altan vivnivelon, pro la grava kaj avantaĝa nuna stato de la scienco.

En Bruselo, ni partoprenis la semajnan kunvenon de la loka Esperanto-Grupo kaj en vere internacia kunsido, pro la partopreno de kelkaj dekoj da eksterlandaj gesamideanoj, krom la belgaj, mi prelegis pri: «Hispanujo, Kiĥota lando». Malfermis la kunvenon S-ro Jacobs, Prezidanto de la Grupo. S-no Oleffe akompanis nin tra la ĉefurbo kaj multe impresis al ni la nokta spektaklo, kiun prezentas la Granda Placo, unika en la mondo.

Ni dediĉis tagon por viziti Antverpenon; tie ni estis tre afable akceptitaj de la loka delegito de U. E. A., S-ino Léa Bernaerts-Toussaint --ĉefa zorgantino por nia restado en Belgujo-- kaj pere de ŝi ni povis koni multajn vidindaĵojn de la flandra ĉefurbo, speciale la imponan havenon kaj la vizitindan Maristan Domon. Ankaŭ vespere, ni ĉeestis la vendredan kunvenon de la loka Esperanto-Grupo kaj denove mi prelegis pri Hispanujo.

**Nederlando, ebena teritorio.**—Nia restado en Belgujo finiĝis kaj la vagonaro kondukis nin al la lando de la tulipoj. Nia unua kontakto kun tiu paca lando estis Roterdamo, kie tre afable nin akceptis malnova korespondantino mia, F-ino W. van Baalen; ŝi bone sukcesis konigi al ni la urbon kaj ĉirkaŭaĵojn, pere de amuza vojaĝo en sia propra aŭtomobilo. Kompreneble, ni vizitis ankaŭ la C. O. de U. E. A. kies direktorino, F-ino Vermaas, kaj aliaj geoficistoj, korege akceptis nin. Vespere ni vojaĝis al Hago

---

## NE PAROLU PRI LA MALBONO DE IU!

Konsiloj de JAIME MIRÓ (Barcelono)

Se via koro kaj via cerbo estas tiel malvarmaj, ke ili ne harmonias kun la anĝela peco, kiu loĝas en ĉiu homo, kaj se vi nur havas kapablon por vidi la malluman kaj malgajan flankon de la personoj kaj aferoj, estas pli bone, ke via buŝo restu silenta, malluma via cerbo kaj senfortika via koro. Ne parolu al mi pri la malbono de iu!

Via lango ne devas esti fajra serpento por cindrigi la honoron de viaj gefratoj, nek senhonoriganta vipo por domaĝi la proksimulon, nek venenita sago por vundi senjustece kaj senrespekte. Vi ne devas humiligi vian parolkapablon uzante ĝin por malbeninda ago.

Ĉiufoje, kiam via parolo esprimas malbonon aŭ malamikecon, via pensado kreas malamikecan kaj malaman atmosferon, kiu volviĝas ĉirkaŭ tiu, kiu tiel pensas. Anstataŭ detrui la malbonon, je kiu vi plendas, vi ĝin grandigos kaj fortigos; kaj tiel, vi kunhelpos potence ĉiamigi ĝin. Sekve, vi estos malfeliĉega suferanto de Doloro, kvankam vere vi estis kreita por la Feliĉo kaj, efektive, vi povas esti plena ĝuanto de la Bono.

Ne parolu al mi pri la malbono de iu, ĉar tiu, kiu tion faras, se li volas esti justa, devas komence paroli pri la malbono de si men, kio cetere ankaŭ ne estas inda ago.



por loĝi ĉe Esperanto-Pensiono, S. Kampherbeek, kies mastrino jam atendis nin ĉe la stacidomo. Ni profitis la venontan tagon por koni iomete Hago-n; vespere ni ricevis la tre agrablan viziton de geedzoj Jung; la vespero tre rapide pasis, meze de interesa babilado, ĉar la konversacio de nia elstara pioniro, redaktoro de la ŝatata HEROLDO, estas interesega. Ankaŭ Amsterdamo altiris nian atenton; tie estis la esperantistaj geedzoj Bakker, kiuj konigis al ni sian belan urbon. La restado estis vere interesega kaj ni ne forgesos la viziton al grava diamantpolurejo, kie, en Esperanto, S-no Bakker bone klarigis al ni la procedojn por pretigi la juvelŝtonojn. Posttagmeze, S-no Sander ekstremigis sian senliman afablecon, akompanante nin tra la urbo.

**Germanujo, brava lando.**—Kun bedaŭro ni forlasis Nederlandon, por eniri al Germanujo; unue Kolonjo estis nia celo. Tie ni loĝis ĉe gesamideanoj Vogel, kiuj estis tre afablaj al ni. La edzino konstante akompanis nin; kaj, dank' al ŝia helpo, ni efike admiris la restarigitan urbon kun la imponа katedralo kaj la milda rivero Rejno. Kompletigis la restadon vizitoj al Bonn kaj Düsseldorf, kun nova prelego pri nia lando, antaŭ la grupanoj de tiu ĉi lasta urbo; la prelego estis plibeligita pro la prezentado de interesaj lumbildoj pri Hispanujo, ĝentile pruntedonitaj de la hispana Ambasadorejo en Bonn. En Kolonjo mem, ni ricevis multajn komplezojn de diversaj lokaj gesamideanoj, speciale de S-roj Renschler kaj Kroj. Tie ankaŭ ni koincidis kun la junaj hispanaj geedzoj Castells, kiuj estas tre bonaj esperantistoj; nuntempe ili loĝas kaj laboras en Svedujo, certe ion malproksime de sia kataluna urbo Sardanyola. Tiu renkontiĝo estis, kompreneble, tre agrabla.

**Francujo, eterne alloga.**—Denove ni eniris en Francujon tra la landeto Luksemburgo --en kies ĉefurbo ni tagmanĝis-- kaj vespere ni jam alvenis al Nancy, kie atendis nin nia malnova amiko kaj tre diligenta esperantisto, S-no Jean Chapellier. La saman vesperon de nia alveno, mi faris la lastan prelegon de la vojaĝo, antaŭ la urba samideanaro. Dank' al sindona afableco de Ges-roj Chapellier kaj simpatia filo, ni pasigis belegan tagon en la historia urbo Nancy. Sekvantan matenon, ni envagoniĝis denove por halti nur kelkajn horojn en Dijon kaj Lyon, kie ni povis vidi kiel pace disvolviĝis la referendumo por nova konstitucio en nia najbara lando; poste ni atingis la hispanan landlimon, post dusemajna restado en Esperantujo, tra Eŭropo, kun la verda stelo, kiel utila insigno.

Certe la vojaĝo estis tre ĝojiga kaj instrua por ni, ĉar efike ĝi pruvis, ke por la esperantistoj la mondo estas tre malgranda. Esperanto bonege taŭgas, eĉ praktike!

RAMON MOLERA - Moyá (Barcelono)

---

## ◆ ¡EL 20° EN MALAGA! 

**Nos complace confirmar la escueta noticia, publicada en nuestro anterior Boletín, por la que anunciábamos que el XX Congreso Español de Esperanto se verificará en 1959 - año del Dr. Zamenhof - en Málaga. Cuantos asistieron al Congreso de Castellón recuerdan, sin duda, la unánime aspiración de que el próximo certamen se celebrase en Andalucía. Cumplimentando tal deseo, y previas las necesarias consultas con los grupos locales, se ha aceptado el generoso ofrecimiento de los esperantistas malagueños, quienes, henchidos de entusiasmo, se aprestan para organizar ya, en la bella ciudad del Sur, la venidera reunión.**

**La nota sobresaliente de este Congreso debe darla la juventud, puesto que jóvenes son, en su mayor parte, los samideanos locales. De su tesón e iniciativa esperamos la presentación de un ameno programa que, seguramente, en el número de Enero podremos ya ofrecer y que despertará el máximo interés. Esto, unido al poderoso imán, que posee ese hermoso rincón andaluz, y al atractivo turístico del pintoresco camino a recorrer, está despertando un gran entusiasmo entre nuestros amigos de toda España, que se aprestan a tomar parte en la magna asamblea que se prepara, y que servirá para tonificar el esperantismo andaluz, el cual, desde los lejanos tiempos del Congreso de Sevilla, en 1928, no había tenido ocasión de manifestarse.**

**Estamos seguros del éxito y esperamos que todos contribuyan a su máximo esplendor.**

## Fulmotondro en Somero

En somera nokto varma,
dum mi dormis sur la lito,
en profunda sonĝo ĉarma
kvankam naĝis mi en ŝvito,
vaste bruis tondro forta
en silent' de milda horo,
preskaŭ haltis kvazaŭ morta,
pro la skuo, mia koro.

Mi vekiĝis kun surprizo
forlasante dolĉajn revojn,
sed alia nova krizo,
ree streĉis miajn nervojn,
ĉar ekfulmis en la spaco
zigzaganta serpent-hele
fajra strio, dum palaco
en la placo brilis bele.

Fulm' eskapis, falis pluvoj,
eĉ furioze siblis vento,
kaj kun nigro de la nuboj,
ĉio iĝis nur lamento.
Ho, tempesta simfonio!
--senkompara pro la rito
de trista ceremonio--
Ĝi min lasis en ekscito.

La spektaklo ver-ravanta,
de mallum' kaj hel' en lukto,
estis ludo pene vanta,
de demona persekuto.
Ni perceptas, kaj atestas,
ke tondradon kun alarmoj
oni ĝuas; kaj ni festas
se ne decas ĉe ni larmoj.

Bilbao **M. DE ELEZCANO**

### LA PLEJ BELA AFERO

*Svisa ĵurnalo aranĝis konkurson, inter siaj legantoj, por premii la plej trafajn respondojn al la demando: «Kio estas la plej bela afero?» El inter preskaŭ dumil ricevitaj respondoj, oni aljuĝis la unuan premion al knabino, kiu diris: «La okuloj de mia patrino».*
*La duan premion ricevis plenkreskulo, kiu asertis:*
*«Plej bele estas revi pri tio, kio ne eblas!»*

### EPIKO DE LA AĜO

Dum la daŭro de sia tuta vivo, kiam homo fariĝas 70-jara, li estis malsana tiom da tagoj, kiom da ili entenas du jaroj, t. e. dek tagojn pojare. Krome, ĝis la 40-jareco, la sumo da tagoj pasigitaj en lito, pro malsano, ĝenerale ne atingas la sufiĉan kvanton por kompletigi unu solan jaron.

*Ni ricevis la vivon por ĝin eluzi.*
**M. Menéndez Pelayo**

**La intelekto de malamanto juĝas pli trafe ol tiu de amanto!**
**LEONARDO DE VINCI**

## SFINKSA ANGULETO
### KLERA KALKULADO

Tial, ke la scienco studas la — dimensiojn en la — planedoj, ĉu vi scias la nomojn de la — Parcojn, ne konfuzante ilin kun tiuj de la — Muzoj, por atingi la sumon de — dekduoj?

**Kompletigu la frazojn, anstataŭante la streketojn per ciferoj.**

**Ĝusta solvo gajnos unu poenton ĝis 20. Decembro.**

### SOLVO PRI LA EKZERCO

BONVOLU SERĈI
EN LA PASINTA NUMERO

**10 problemoj estis bone solvitaj, kaj 16 malbone.**

## SPRITAJ DIALOGOJ

—Aŭskultu, doktoro: Ĉu mi povos ludi gitaron post la resaniĝo?
—Ho, jes, kompreneble!
—Kiel mirinde, ĉar antaŭ la malsaniĝo mi tute ne sciis ĝin ludi!...

—

—Jam pli ol unu horon, mi atendas la finon de via telefonado; kaj, kvankam vi havas la aŭdilon ĉe la orelo, ankoraŭ eĉ nek nun vorton vi diris...
—Ho, tute nature, mi *parolas* kun mia edzino!

—

—Kiu estas tiu virino tiel malbela?
—Mia edzino!
—Ho, pardonu, mi eraris.
—Ne, tute ne! La eraro estis mia.

### VIRKAPRO KAJ AZENO
(FABLO)

Barba virkapro kaj saĝa azeno paŝtis preter vilaĝo. La virkapro, plendis kun profunda sopiro, ke ĝi tute ne progresas en la vivo:

—Mi elvokas nur ridojn kaj mokojn tie, kien mi iras...

Al la naiva virkapro, la azeno donis jenan konsilon:

—Se vi volas sukcesi, vi devas scii la oran vorton, kiu malfermas eĉ la pordon de la paradizo. Tiu vorto estas nomata «Flatado». Diru al ĉiu pri ĉio nur agrablajn vortojn, kaj certe ĉiam vi sukcesos!

**Vasil Gr. Sprostronov** - Sofia (Bulgario)




**LERNOLIBRO DE ESPERANTO** de L. Mimó. Editorial: E. Moreno Medrano. — 157 páginas; encuadernado, titulación dorada. Papel e impresión, excelentes. Precio: 65 pesetas. — Los pedidos al autor: Alcalde Comas, 15, Creu de Bárbara, Sabadell, o al Libro-Servo de esta Federación, Pelayo, 7 - Valencia. Envíos contra reembolso.

Quienes conocen personalmente al autor de este novísimo método para aprender el Esperanto saben que, dada su seriedad y competencia en la materia, comprobada por los numerosos cursos que ha explicado en Sabadell, no puede esperarse mas que una obra concienzuda y eficaz. Los que asistieron al Congreso de Castellón deben recordar que en la sesión inaugural, el Presidente de la Federación puso de relieve que, entre los dos acontecimientos dignos de mención en la actividad esperantista española del año, uno de ellos era la publicación del «Lernolibro» de Mimó, en el que se recogía la experiencia y capacidad del autor, que de esta manera podía extenderlas y propagarlas, en beneficio de los alumnos y esperantistas de habla española.

En efecto; si el alumno, que aún no sabe nada del idioma auxiliar, puede encontrar en esta obra el guía seguro que le ha de llevar, como de la mano, por los vericuetos no siempre llanos del aprendizaje, no menos beneficio ha de encontrar el esperantista cuajado, que en este libro encontrará el censor constante y acertado para sus faltas de estilo, y el consejero ducho que le purgará de todo modismo nacional, dándole la pauta para usar un Esperanto exento de figuras propias del idioma patrio.

Particularmente cuidados están los numerosos y acertados ejercicios, que facilitan la obtención de un buen estilo. Y la mano de un experimentado profesor se adivina en los numerosos consejos que se prodigan en los puntos clave del Esperanto: «Uso de «ĉu» y «se»; de las preposiciones, delante de un infinitivo; expresiones peculiares, etc., etc.

En suma: el «Lernolibro» de Mimó es no solamente un buen método para aprender Esperanto, sino, además, un utilísimo consejero para todo esperantista, que desee utilizar correctamente el idioma internacional. Y esta última utilidad no debe ser descuidada por nadie, ya que si bién el idioma internacional es infinitamente más sencillo y fácil que cualquier otro, no por eso debe ser utilizado con descuido. Una buena tela merece un buen sastre, y un idioma bien construído merece ser utilizado con acierto y buen gusto. Esto es lo que el libro de Mimó brinda a quienes lo estudian: la seguridad de utilizar el idioma de Zamenhof con la debida corrección y depurado estilo.

Por ello estimamos que el juicio crítico de nuestro académico, el Prof. D. Dalmau, acerca del libro de Mimó, es acertado: «Realmente, no es un «lernolibro» más, sino uno excepcional». Los esperantistas de habla española acogerán, sin duda alguna, con justificada fruición este valioso método, con que Mimó les ha favorecido. Y esta será la mejor prueba del agradecimiento que se le debe por su acertado esfuerzo.

R. HERRERO

---

**NI LEGAS KAJ LERNAS** de Julie Ŝupichová, Legolibreto por komencantoj, kompilita el la verkaro de D-ro L. L. Zamenhof, 39 paĝoj, 14 x 19'30 cm. Eldonis Kroatia Esperanto-Servo.

Laŭ nia vidpunkto, ĉi tiu libro estas tre rekomendinda por tiuj, kiuj deziras perfektiĝi en la lernado de nia lingvo internacia. La fonto ne povas esti pli bona.

La aŭtorino estas ĉeĥa edukistino, kiu bone sciis elekti inter la verkaro de la Majstro. Vidu la enhavon: Antaŭparolo. Modelaj frazoj. Proverboj. Anekdotoj. Diversa legaĵo. Knabineto kun alumetoj, de H. C. Andersen. El Ifigenio de Taŭrido, de J. W. Goethe. El Hamleto, de W. Shakespeare, El Lingvaj respondoj. Vortoj de Zamenhof. La Espero. La Esperanta himno. Verkaro de Zamenhof. Do, la provizo estas riĉa kaj varia.

R. MOLERA

---

**DAS BUCH VON NEUEN MAINZ 1945-1955.** Germanlingva broŝuro, kun aldono en Esperanto, por societaj vesperoj.

Plaĉe rigardante la belecon de ĝiaj multaj kaj interesaj bildoj, oni povas kompreni, kial la mainzanoj diras:

«La mainza rado rulas!»

Nur dek jarojn post la detruo, kaŭze de la milito, la urbo de la nunjara Universala Kongreso plene rekonstruiĝis. Certe, la kongresanoj povis agrable pasigi sian tempon rigardante la belajn kastelojn, modernajn konstruaĵojn, tipajn stratojn kaj preĝejojn el la «Ora Majenco», ankaŭ nomata «Perlo de la Rejno».

JOSE PEREZ

**El Sr. J. Monfort, ha conseguido reunir una colección de 800 dibujos infantiles. Para propagar el Esperanto, este señor pone a disposición de cuantos puedan necesitarlo ese conjunto de obras artísticas de los niños, siempre que una vez utilizadas sean devueltas. Los interesados pueden dirigirse a: D. Jaime Montfort Canela, C.º San Cipriano, 1 - BARCELONA - 16.**

## ANONCETOJ

Nederlanda instruisto serĉas hispanan kolegon por korespondado pri geinfana instrumetodo kaj aliaj diversaj temoj:
D-ro. School T. S., Kho van Damstraat, 1
DEN HAAG (Nederlando)

---

Filatelisto deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kun la tuta mondo.
S-no. Carlos Evandro Teixeira:
Delegacia Seccional do Imposto de Renda
ITAJUBA (M. G.) Brazilo

---

Ŝatas kolekti ekslibrisojn, etikedojn kaj stampojn S-ro Leo Gonçalvez Damasio: Travessa Américo de Oliveira, 6 Ap. 101 (Andarai) RIO DE JANEIRO (Brazilo)

---

Instruistino dez. interŝanĝi poŝtmarkojn, librojn, gazetojn, k. t. p.
S-ino. Lena Grabowska, Reymonsa, 11
SOSNOWIEC (Katowice) Pollando

---

19-jara Politeknika studento dez. koresp. pri moderna pentrarto, fotografaĵoj kaj turismo. Li ankaŭ multe ŝatas interŝanĝi alumetetikedojn:
S-ro Jerzy Bilat, str. Lipowa, 14 m. 37
TODZ (Pollando)

---

32-jara metallaboristo deziras korespondi por praktiki la lingvon.
Vladimir Ŝpinier, ul. Studené, 33
NEKOR (Ĉeĥoslovakio)

---

Deziras korespondi kun hispanoj, 31-jara japano, kiu ŝatas filmojn kaj lingvojn.
S-ro Jasunosupe Oba. 394, Elitulsa
HAMAMATU (Sizuoka) Japanio

---

Dez. interŝanĝi bildkartojn kaj unuatagan koverton kun hispanaj gesamideanoj.
S-ro Y. Koakutsu, 3830, 2 - chome, Minamimachi, Nerima-ku TOKIO (Japanio)

---

Deziras koresp. tutmonde 23-jara valencia desegnisto, pri sia fako kaj aliaj.
Francisco Aliaga - Camino Viejo del Grao, 26 - 16.ª VALENCIA (Hispanio)

---

Deziras korespondi kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj, sed prefere pri filatelo.
F-ino Carmen Ferrán, str. Abadía, 3
Espluga de Francoli (Tarragona) Hispanio

---

**KRUCVORTAMATOROJ: ATENTU!**

Informojn pri via fako donos:
Prof. Angelo Zappa, v. Fr. Cairoli, 16
LECCO (Italio)

---

Katolika esperantisto dez. korespondi kun samideanoj el la tutu mondo, pri diversaj temoj, precipe: Filozofio, Literaturo, Scienco kaj Lernolibroj.
Adreso: Manuel Romero Gómez
Escuadrón de Abastecimiento
Ala de Caza, 2 ZARAGOZA (Hispanio)

---

Oni eldonis 300 seriojn de 18 pk, kiuj prezentas, grandformate, la poŝtmarkojn ĝis nun eldonitajn kun la teksto en Esperanto. Tiu serio, kiu estas aĉetebla ĉe la Sicilia Delegacio de Itala Esperanto - Federacio; Corso Vittorio Veneto 92. RAGUSA (Sicilia) kostas unu usonan dolaron aŭ dek internaciajn respondkuponojn. Aldonu 10 % por sendkostoj aŭ 20 % por rekomendita sendo

---

**INSTITUTO DE ESPERANTO LABORAS**

En kurso ĵus malfermita de Instituto de Esperanto, ĉe sidejo de la Ruĝa Kruco, sub la gvidado de S-ro. Buscató, partoprenas fervore kaj diligente 62 gelernantoj.

---

## TESORERIA

Relación de los números agraciados:

25 de Septiembre. Núm. 53.164, a D. Darío Rodríguez, de Madrid, por su número 64.

25 de Octubre. Núm. 17.692, a D. José Olivé, de Lérida, por su número 92.

---

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Octubre-Novbre. 1958)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 5.215 | Ptas. |
| L. A. Ramírez - Vera | 15 | » |
| R. Canet - Alicante | 9 | » |
| F. Piñol - Barcelona | 5 | » |
| A. Ballestín - Zaragoza | 10 | » |
| F. Rogló Valencia | 15 | » |
| Total | 5.269 | » |

*...Y a esperar la próxima lista de fin de año.*

---

**S-ro J. Régulo Pérez, tute sincere dankante la konfidon, kiun la Kongreso en Castellón esprimis al li, bedaŭras ne povi akcepti, pro absoluta kaj pruvita neebleco, la redaktadon kaj presadon de BOLETIN, kiel oni sugestis**